# PENSEO

N-ro 224

junio. / 2010

Monata Beletra Revueto en Esperanto
Honorita de Premio Grabowski,1994

Fondita en 1990; Enretigita en 1997 la 21-a jaro http://www.elerno.cn/penseo/penlisto.htm


## Josip Pleadin (Kroatujo)



### Madono Mia

Madono mia, vi sanktaĵo de mia eklezio,
pasinto, nuno kaj estonto mia imagita,
krom vi ekzistas en mia viv' nenio,
pro pekoj ĉu estos mi punita aŭ indulgita?

Vi soras en alto, neatingebla kaj magia
sed kredas mi pri la ebleco atingi vin.
Por veni al vi mi restos eterne kredanta kaj pia
kaj sobre sub viajn piedojn mi metos min.

Se foje Damokla glavo forhakos mian kolon
kaj pekoj niaj inferteatraĵon faros al ni
mi daŭre ludos la saman danĝeran rolon
sed lasos vin insule de nia harmoni'.

Kaj tie vi sidos ĉe muzo de verkoarto
kaj ŝian baskon vi tiros kaj petos pri konsil'
kiam venos el Parizo mia poŝta karto
skribita per majstra inko en la konata stil'.

La muzo embarase sidos kaj cerbumos
nekapabla respondi al via tikla tem'.
"Al Eratoa kolegino vi iru!" - ŝi zumos,
"ŝi nepre helpos al vi en via kordilem' ".

Kaj tiam lasos vi la sentojn flirti kaj kurludi
tra la insulo verda kaj magia en Nenielando,
kaj vi lasos vian korpon senvesti kaj nudi,
amori kaj ĝui sur senhoma sabla strando.



## Mikaelo Bronsxtejn (Rusujo)



### Al la virinoj

Amante vante, kun naivo,
Ni ĝuas vin dum nia vivo…
La vivolibron indeksante
Post retiriĝo de l' naiv',
Por tagoj dolĉaj kaj amaraj
Mi danku vin, ho miaj karaj ,
Kaj mi konfesu, vin kisante,
Ke estas ĝuste vi – la viv'.

## Imre Szabó (Hungarujo)



### Lumina

Brilu tra larmoj la suno
brilu tra suno la larmoj
kara fratino senpatrina
kapreolokula kapreolkora
vidu per larmoj se ne per suno
se ne per suno vidu per la sino

Arboj kreskas per la larmoj
arboj kreskas per la suno
ankaŭ via arbo kreskos
antaŭ via sojlo kie vi sidas
sunovene sunoire
kreskos arbo alta arbo
kun ventoj parolanta
mesaĝojn susuranta
millange milfolie
pri la larmoj ilin kreskigantaj
kaj la ventoj sin alligas
por esti novaj branĉoj

kaj via ventobranĉara arbo
etendos sian savan tendon
sian verdan savon
super la mondo
super la suferoj super la plorantoj
super la luliloj el sia karno
super la ĉerkoj el sia karno

Brilu tra larmoj la suno
brilu tra suno la larmoj
kara fratino senpatrina

## Cezar (Germanujo)



## Al Penseo

Dankon kun dec'
pro l' afablec'.
Kaj tiel plu
en tempa flu'.

Pense', jen stel',
artista lok'
kun verda bel',
instig' kaj vok'.

## Ho belulin'

(partizana kanto)



tradukis **Andrea Fontana (Italujo)**

Matenon tristan
mi elvekiĝis
ho belulin' mi ne plu povos kisi vin
matenon tristan
mi elvekiĝis
kaj min trafis l' invadint'

Ho partizano
min portu fore
ho belulin' mi ne plu povos kisi vin
ho partizano
min portu fore
ĉar proksimas jam la mort'

Kaj se mi mortos
partizanante
ho belulin' mi ne plu povos kisi vin
kaj se mi mortos
partizanante
entombigen igu min

Min entombigu
sur la montaro
ho belulin' mi ne plu povos kisi vin
min entombigu
sur la montaro
sube de ombranta flor'

Kaj ĉiuj homoj
preterpasantaj
ho belulin' mi ne plu povos kisi vin
kaj ĉiuj homoj
preterpasantaj
diros: "Ho! Tre bela flor'!"

La flor' ĝi estas
de l' partizano
ho belulin' mi ne plu povos kisi vin
la flor' ĝi estas
de l' partizano
mortintul' por la liber'...

## Mike59 (Michel Dereygger)



**(Francio)** tradukis

## Tristas ja Veneci'

Tristas ja Veneci'
Nia mortinta am'
Tristas ja Veneci'
Ni ne amas nin jam.

La vortojn serĉas ni
Sed enu' forprenas
Ni dezirus plori

Tamen jam ne povas.

Tristas ja Veneci'
Kiam barkaroloj
Povas nur emfazi
Silenton sen larmoj.

Kaj sin premas la kor'
Vidante gondolojn
De amsopira par'
Ŝirmi feliĉecon.

Tristas ja Veneci'
Nia mortinta am'
Tristas ja Veneci'
Ni jam ne amas nin.

Muzeo aŭ preĝej'
La vanaj belaĵoj
Alloga enirej'
Al tristaj okuloj.

Tristas ja Veneci'
Vesper' sur la lagun'
Kiam manon serĉi
Neeblas ekde nun.

Ni provas ironi
Vagante sub lunlum'
Ekprovas forgesi
Ĉiujn vortojn de am'.

Adiaŭ kolomboj
Kiuj eskortis nin
Kun perditaj revoj
Adiaŭ Suspirpont'.

Tristas tro Veneci'
Nia mortinta am'
Tristas tro Veneci'
Ni ne amas nin jam.



## Anna Karlik (Hungarujo)



### Mi pensas pri vi

Matene ekregis min
—veture per Metroo—
tiu tristiga sento,
ke mi por vi estas jam
ne pli ol nur memoro.

Mia karega Princo!
Kiel revenis vintro,
vi jam ne amas min tro,
jen, malvarmiĝis al mi
eble, fine via koro...

### Peta preĝo

(Ne nur) por miaj geamikoj

Nia Patro, donu al ni pacon,
forviŝu tuj ĉiun homan aĉon!
Proksimiĝas la plej sankta festo,
sur la korpo estas bela vesto,
por terloĝantoj mankas miraklo.

Nunaj uloj jam nur monon ŝatas,
dume oni anime malsatas.
Donu por ni ne nur blankan panon,
sendu al ni multe pli homamon,
helpu ami la tutan homaron!

Ja, mi devus, tamen vin ne dankas,
prefere vin refoje mi petas:
Benu nin, Sinjoro de ĉielo!
Kristnaske en ĉiu tera koro
eknaskiĝu via bona filo!

Mi deziras, en la granda mondo
ĉiutage post nun restu festo!
Se sanĝiĝus nia homa eco...
vivi tiel, ne nur je Kristnasko
komencu naskiĝi Jesu' Kristo!

Plibonigu li malmildajn korojn,
trovu en ni animajn trezorojn!

## Guozhu (Ĉinio)



### Rimportreto de Li Qingzhao(1084-1155)

Li Qingzhao, klera poetino
sidante ĉe fenestr' vespere
danĝerajn rimojn ŝi konkere
serĉis kaj serĉis kun obstino.

Du aŭ tri drinkoj de la vino
helpis al rememor' tenere.
Li Qingzhao, klera poetino
sidante ĉe fenestr' vespere.

Refutis sxi al servistino:
Ĉu floras post pluveg' prospere?
Ne! Nun la ruĝo magras tere
nur verdo grasas ĝis kulmino.

Li Qingzhao, klera poetino.
-- *el Guozhu <Ĉina Galerio> p.86*

# Ĉineske

## Li Qingzhao (1084-1155)

### Serĉas en svag'

—laŭ ĉineska skemo Shengshengman*
Serĉas en svag'
mi solece
kun fridiga imag'.
En ekvarmiĝa temp'
oftas frost-hak'.
Vinglutoj ne povas
rezisti
al vent-atak'.
Grua flug'
ĉagrenas
min pri korsenta pag'.

Ĉie floroj en stak'
velkintaj,
jam mankas florpluk-ag'.
En izolo
mi tranoktos en vak'.
Pluv' platanon vipas
vespere
kun guta klak'.
Jam nune
trist' kulminas sen forvag'.

*Shengshengman (lanta sontreni ĝo): ĉina fiksforma poemo el du strofoj kun 11 kaj 10 versoj respektive de 4,46,64,634,336 / 6,36, 46, 634,37 silaboj, laŭ rimaranĝo a,xa,xa,xxa,xxa / a,xa,xa,xxa,xa (x = senrima)*

### Nokt-pluvis en seri'

—laŭ ĉineska skemo Rumengling*
Nokt-pluvis en seri',
restas post dorm' ebri'.
Eĥis servistin':
"Samas la begoni'."
"Sen sci',
sen sci'.
Grasas verd' ol ruĝ' pli!"



**Rumengling (kvazaŭsonĝe): ĉina fiksforma poemo el 7 versoj de 6,6,56,2,2,6 silaboj, laŭ rimaranĝo a,a,xa,a,a,a. La kvina kaj sesa versoj estas samaj.*

### En Buduar'

—laŭ ĉineska skemo Dianjiangchun*
en buduar'
mi solecas kun ĉagren'
kaj bedaŭr-ĝen'
pri printempa sven'

ĉe balustrad'
mi sopiras jen
kien li?
baras herb-scen'
vojon de reven'

*Dianjiangchun (ruĝigitaj lipoj): ĉina fiksforma poemo el du strofoj kun 4 kaj 5 versoj respektive de 47,4,5 / 45,34,5 silaboj, laŭ rimaranĝo xa,a,a / xa,xa,a (x=senrima)

elĉinigis **Vejdo**

## Vejdo (Ĉinio)



# Sindonema veterano

okaze de la 88-a naskiĝtago de Li Sen*

—laŭ ĉineska skemo Manjianghong**

Kun verda glor'
de esper'
kara Li Sen
jam staras
en profundaĝ'.
Kun granda pen'
li fosas nian sulkon
en esperanta ĝarden'
silente
sindoneme kaj
kun elten'.

Prezentu
ni kun ben'
deziron
de varmplen'
al li sincere.
Ĉe la solen'
naskiĝtaga ni tostu
por lia vivo sen ĝen'
por verda
la promesplena
entrepren'!

*Li Sen: ĉina esperantista veterano, kiu sindoneme sin dediĉas al ĉina E-movado dum la tuta vivo. Li faris grandan kontribuon al E-Movado de Interna Mongolio de Ĉinio.

**Manjianghong (rivero plenruĝa): ĉina fiksforma poemo el du strofoj po 11 versoj de 434,344,77,353 / 33,33,54,77,353 silaboj respektive, laŭ rimaranĝo xxa,xxa,xa,xxa / xa,xa,xa,xa,xxa (x = senrima)

# Espero de infano

okaze de Infana Festo 2010

—laŭ ĉineska skemo Yulinling*

povra infan'
vagas strate
ofte sen pan'
li toleras batojn
kaj insultojn
de strat-tiran'
gepatrojn li perdis
jam en uragan'
pereis
ankaŭ lia
karmemora la kaban'

esperon kun granda am'
li nutras
per larma fontan'
li ne volas esti
leĝera
strat-huligan'
li sopiras
kore
al hejmeca balzam'
li volas
krei domon
per la propra man'

*Yulinling (tintado en pluvo): ĉina fiksforma poemo el du strofoj kun 11 kaj 12 versoj respektive de 4,44,644,65,347 / 7,35, 634, 426, 345 silaboj, laŭ rimaranĝo a,xa,xxa,xa,xxa / a,xa,xxa,xxa,xxa (x = senrima)



## Cindy Mckee (Usono)



### Per malfermita okulo

—laŭ ĉineska skemo Guizhixiang*

En ĉi horo
guto da ŝvito
post amoro.
Muŝo proksimiĝas
pro odoro.
En taŭzitaj littukoj,
lasita
sola floro.
Sen movado,
sen pensado,
sen sinjoro.

Sur fenestro, vaporo
en disaj bildoj,
en aŭroro.
Tra fenestro, viro,
poŝesploro.
Ŝlosilo kaptas sunon
kaj turnon
de motoro.
Muŝflugiloj
vibras ritme
kun sonoro.

**Guizhixiang (aroma laŭrbranĉo): ĉina fiksforma poemo el du strofoj po 11 versoj de 4, 54, 64,734,444 / 7,54,64,734,444 silaboj, laŭ rimarangô a,xa,xa,xxa,xxa / a, xa, xa, xxa, xxa (x=senrima)*

### Sola

—laŭ ĉineska skemo Yulinling*

Tertremo for
jam delonge.
Longa esplor'
kolektis infanojn
al persisto
de provizor'.
La sola certeco,
deposta ignor'
en tendoj
jam sukure
starigitaj en pulvor'.

Knabo fuĝis el pulvor'
ĝis grundo
ŝajnis el marmor'.
Nokte li revenas,
kolektas
el urba kor'
brikon, ŝtonon,
panon!-
jen, la plej granda or'.
Scias li,
ke sub urbo
estas nur vapor'.

## Lily (Ĉinio)



### Jasmena bonodor'

—laŭ ĉineska skemo Guizhixiang*

la bonodor'
jasmena restas
en mia kor'
de kiam ŝi kaj mi
ja en amor'
diboĉis sub la arbo
ŝi logis
sen ajn pudor'
min per arom'
de parfumo
al ĝua bor'

alkroĉiĝas al memor'
ŝajne eterne
feliĉa l' hor'
ĉu en sufero aŭ
kun bonhumor'
mi ekflaras aromon
ĉiam de
jasmena flor'
mi aspiras

al pasia
geiĝa or'

## Viktoro (Ĉinio)

### Silentema knabino

—laŭ ĉineska skemo Renyueyuan*
staras vi sur alta mont'
en sunluma bril'
silentema
enpensema
kaj en trankvil'

kvazaŭ lotus'
treme skuas
en ventfacil'
kvazaŭ fluas
roj' sensone
sur ter-stabil'

**Renyueyuan (rondiĝo de luno kaj homoj): ĉina fiksforma poemo el du strofoj de 5 kaj 6 versoj respektive de 75,444 / 444,444 silaboj, laŭ rimarangô xa,xxa / xxa,xxa (x=senrima)*

## Cezar (Germanujo)

### Luno surbranĉa

—laŭ ĉineska skemo Renyueyuan*
Jen sur branĉo sidas Lun'
laŭŝajne sen cel',
ripozema
kaj pozama,
kun granda bel'.

Luno plena
apud arbo,
kun blanka hel'.
Ni ĝin vidas
kun plezuro
en noktĉiel'.



## Sam (Ĉinio)

### Cementa vojo

—laŭ ĉineska skemo Yujiexing*
mi iras nudpiede
sur la voj'
obsede
de cementa pavimo
kamptero jam cede
subpremiĝis
de kreta blok'
ĉie komplete

ĉu oni planas prete
okupi
procede
tutan vivtenan teron
per cemento trete
ĝis elĉerpiĝ'
de vivspaco
jen surplanede

**Yujiexing (promenado sur palaca strato): ĉina fiksforma poemo el du strofoj kun po ok versoj de 7,33,76,445 silaboj, laŭ rimarangô a,xa,xa,xxa (x= senrima)*

## Mandio (Ĉinio)

### Pento

—laŭ ĉineska skemo Qingyu'an*
en mia viv' malplena
forpasis
ĉagrena
tempo en fluo svena
mi pentas pri
nenifarad'
kaj lud' senĝena

sed mi sentas min splena
jam nune
alvena

memriproĉado ĉena
min vipadas
jen pro mia
faro azena

**Qingyu'an (verdjada taso): ĉina fiksforma poemo el du strofoj kun po sep versoj de 7,33,7,445 silaboj, laŭ rimaranĝo a,xa,a,xxa (x=senrima)*

## Sero (Ĉinio)

# Sub la ombrelo

—laŭ ĉineska skemo Yijianmei*

en pluvo sub la ombrel'
ni kuniĝis
en spir-anhel'
kisas en varma brakum'
ni kveradis
per vort-miel'

bedaŭrinde la ĉiel'
ekserenis
iris sun' el
nubaro kaj ni diris
adiaŭ al
ombrel-fabel'

**Yijianmei (branĉo de umefloro): ĉina fiksforma poemo el du strofoj kun po 6 versoj de 7,44,744 silaboj, laŭ rimaranĝo a,xa,xxa (x = senrima)*

## Irina Pantelejeva (Rusio)

# Pri Irena kaj hunda renkontiĝo

Kiam rizenŝnaŭcero* Vitas ricevis titolon de Ĉampiono de Rusio, al li oni komencis direkti hundinojn el hundklubo por koncipo. Hundidoj rezultis kiel paĉjo – ili estis samaj ostecaj kaj trankvilaj. Tial Vitas havis grandegan popularecon de posedantoj de hundinoj. Ĉio estus bone, sed en hejmo ne estis telefono. Ofte posedantoj de hundinoj ne povis komunikiĝi kun mastrino de Vitas kaj alveturis neatendinte kaj neĝustatempe. Tial Anna devis viziti hundklubon en ĉiu sabato por ekscii, kiam oni planas vican renkontiĝon por koncipo.

Sed en tiu fojo ŝi ne povis viziti klubon, ĉar semajno estis tre klopoda. Ĉe ŝi estis naskiĝtago, oni decidis festi en sabato, por ke gastoj povu sidi pli longe kaj ne rapidu al hejmo. Kaj gastigantoj povus pli longe dormi en dimanĉo kaj ripozi antaŭ labortagoj post klopoda semajno.

En kulmino de gajeco soniĝis sonoro. Edzo mire levis brovojn – por malfruantaj gastoj estis jam malfrue, kaj ĉiuj gastoj jam kolektiĝis. Anna responde mire levis ŝultrojn, prenis de telero pecon de travidebla, kun sukcenkolora graso, salmo, metis ĝin en buŝon kaj iris al antaŭĉambro.

– Anna, mi iras kun vi, nemulte fumos, – kuzino Irena pompe iris tuj post kaj komencis serĉi cigaredojn en poŝoj.

Vitas ekscite skuante felon sur spino brue flaris enŝovinte nazon en fendon inter pordo kaj fosto. Nervoze tremanta stumpo de vosto signalis pri tio, ke post pordo estas kvankam nekonata homo sed persono agrabla kaj ne danĝera.

– Vitas, iru lokon, – Anna rapide finmanĝante fiŝon ordigis harojn antaŭ spegulo.

Virhundo ĉagrene ekspiris, ankoraŭfoje flaris odoron de starinta post pordo gasto, kontente nazbruis kaj nevolonte iris al sia sternaĵo.

Naskiĝtagulino malfermis pordon. Sur sojlo agrabla viro staris konfuze ridetante. Lia aĝo estis proksimume tridek kvin jaroj.

– Saluton, Anna. Pardonu min, ke mi venis tiel malfrue.

– Bagatelo! Saluton! – gastigantino gasteme ridetis kaj peneme provis rememori, kiu estas li. Fine decidinte, ke li estas kolego

de edzo, ŝi faris paŝon reen invitante eniri.

Viro eniris al antaŭĉambro kaj konfuze haltis sur tapiŝo:

– Mi ĉi tie makulos al vi.

– Ne maltrankvilu, ni forviŝos, – Irena diris eligante ringeton de fumo kaj kun intereso pririgardante gaston. – Por ni tio estas kutima afero, sed ni volas scii pro kiu.

– Oj, pardonu min! – gasto komprenis aludon. – Mia nomo estas Dima.

– Kial vi staras en sojlo? – gastigantino helpis lin. – Vi eniru, eniru, ni atendas nur vin.

– Min? – en voĉo de gasto aŭdiĝis miro. – Por kio?

– Ha, “por kio”! – Irena indigne diris. – Certe por drinki! Nu kaj tiel plu. Dima, senvestiĝu!

Irena kokete movis grandan ŝultron, pro kio ĉemizeto malleviĝis pli malsupren, kaj sen tio granda dekoltaĵo pligrandiĝis.

– Por kio? – Dima brue ekglutis kaj penis ne rigardi dekoltaĵon. Liaj oreloj ruĝiĝis tiel, kvazaŭ oni surverŝis ilin per bolanta akvo.

– Nu kiel “por kio”? – Irena ridis. – Ĉu vi timas frostiĝi kun ni? Ĉi tie estas ne malvarme, en mantelo al vi estos varmege.

Anna riproĉe rigardis kuzinon:

– Irena, ne ĝenu la homon!

– Ĉu mi ĝenas? Ne! Simple ni ne devas stari en sojlo.

– Tio estas ĝuste, – gastigantino turnis sin al gasto. – Dima, eniru, demetu mantelon, ne demetu ŝuojn.

– Ĉu mi povas alkonduki mian knabinon? – gasto tumultis. – Ŝi estas malsupre, atendas en aŭto.

Post tiuj vortoj Dima kuregis malsupren laŭ ŝtuparo.

Irena seniluziige balancis buston, revenigis ĉemizeton al antaŭa loko:

– Nu, diablo prenu, ne estas feliĉo en vivo! Mi, stultulino, ekĝojis, pensis, ke la viro estas fraŭla. Sed li... – tuj makzelo de Irena subenpendis, kaj Anna ne eksciis, kion pensas kuzino pri gasto.

Dima leviĝis laŭ ŝtuparo, kaj apud li iris eleganta juna rizenŝnaŭcerino.

– Ĉu tiu estas via knabino? – Irena rikaneme ridetis pro vorto “knabino”.

Dima kun amo karesis lanugan vizaĝon de rizenŝnaŭcerino:

– Nia Glaŝa, aha! Kandidatino al ĉampionoj! – en lia voĉo aŭdiĝis fiero.

– Por kio vi alkondukis vian kandidatinon? – Irena ne kvietiĝis.

– Ĉu vi estas Anna? – Dima turnis sin al mastrino.

Ŝi jam komencis kompreni esencon de tiu okazo kaj pene detenante ridon kapoklinis.

– Al vi min direktis Luba por koncipo, – Dima pli multe ruĝiĝis, timis eĉ rigardi al flanko de Irena. Sed ŝi ekbalanciĝis per tuta korpo, faris strangan ŝmacan sonon kaj revenis al ĉambro. – Ĉu mi venis neĝustatempe? – Dima konfuze murmuris.

– Al mi? – Anna ne detenis sin de ŝerco.

Sed ŝia voĉo dronis en baso de Irena. Ŝi admire diris al gastoj:

– Al Anna viro venis, ili faros infanoj por vendo, – kaj ŝi daŭrigis post negranda paŭzo. – Li estas ĉarma!!

**Rizenŝnaŭcero – raso de grandaj hundoj, kiun oni kreis en Germanio.*



**Esperantigis kaj ilustris**

**Igorj Ĥomjakov (Rusujo)**

## Guy de Maupassant (1850-1893)



# La konfeso

Margareta de Terel' estis mortonta. Kvankam ŝi aĝis nur kvindek ses jarojn, ŝi aspektis almenaŭ sepdek kvin jarojn. Ŝi anhelis, pli pala ol siaj littukoj, kaj estis skuata per teruraj tremoj, la vizaĝo konvulsiata, la okuloj senrigardaj, kiel ŝi ĵus ekvidis hororan aĵon.

Ŝia unuenaskita fratino, Suzana, pli aĝa ses jarojn, surgenue plorĝemis. Sur alproksimigita tableto al la kuŝejo de la agoniantino estis, metitaj sur buŝtuko, du kandeletoj kiuj brulkonsumiĝis, ĉar oni atendis la pastron kiu devis doni la ekstremunkton kaj la lastan komunion.

La loĝejo aspektis sinistra kiel ĉiuj dormoĉambroj de la mortiĝantoj, kun tiu mieno de malespera adiaŭo. Flakonetoj trenis sur la mebloj, tolaĵoj trenis en la anguloj, forpuŝitaj per piedbato aŭ la balailo. Eĉ la malordaj seĝoj ŝajnis konsternitaj, kvazaŭ se ili estis ĉiudirekte kurintaj. La timinda morto estis tie, kaŝkaŭranta, atendante.

La historio de la du fratinoj estis kortuŝa. Malproksime oni citis ĝin; ĝi plorigis multe okulojn.

Antaŭe Suzana, la plejaĝa, estis amita freneze de fraŭlo kiun ŝi ankaŭ amis. Ili gefianĉiĝis, kaj oni plu atendis nur la decidita tago de la kontrakto, kiam Henriko de Sampier' mortis subite.

La malespero de la fraŭlino estis terura, kaj ŝi ĵuris neniam edziniĝi. Ŝi plenumis sian promeson. Kaj ŝi vestiĝis per vidvinaj vestaĵoj, kiujn ŝi ne plu forlasis.

Tiam ŝia fratino, ŝia eta fratino Margareta, kiu ankoraŭ aĝis nur dek du jarojn, alvenis, iun matenon, impetis sin enbrake de la unuenaskita, kaj diris al ŝi: « Fratinego, mi ne volas ke vi estu malfeliĉa. Mi ne volas ke vi ploru dum via tuta vivado. Mi neniam forlasos vin, neniam, neniam! Mi ankaŭ ne, mi ne edziniĝos. Mi ĉiam restados apud vi, ĉiam, ĉiam ».

Suzana, kortuŝinta de tiu infana sindonemo, kisis ŝin kaj ne kredis pri tio.

Sed la etulino ankaŭ plenumis sian promeson, kaj malgraŭ la petoj de la gepatroj, malgraŭ la petegoj de la unuenaskita, ŝi neniam edziniĝis. Ŝi estis bela, tre bela; ŝi rifuzis multajn fraŭlojn kiuj ŝajnis ami ŝin ; ŝi ne plu forlasis sian fratino.

* * *

Ili travivis ambaŭ ĉiutage de sia ekzitado, neniam ili separiĝis, eĉ unufoje. Ili iris en la vivon, flankon ĉe flanko, nedisigeble kunligitaj. Sed Margareta ŝajnis ĉiam malgaja, subfleksigita, pli morna ol la unuenaskita, kiel se eble ŝia sublima rezigno estis rompinta ŝin. Ŝi maljuniĝis pli rapide, harblankiĝis ekde la aĝo de tridek jaroj, kaj ofte ŝi suferis, kiel ŝi estis trafita de nekonata malsano kiu turmentis ŝin.

Nun ŝi tuj mortos la unua.

Ŝi ne plu parolis jam de dudek kvar horoj. Ŝi nur diris, al la unuaj eklumetoj de la aŭroro:

− Iru serĉi sinjoron pastro, jen la momento.

Kaj poste ŝi restadis surdorse, skuata de spamoj, la lipoj tremantaj kiel se teruraj paroloj alvenis al ŝi el la koro, kaj ŝi ne povis eligi ilin, la rigardo frenezigata pro la teruro, timigega por vidi.

Ŝia fratino, korŝirata pro la doloro, frenezege ploris, la frunto surrande de la lito, kaj ripetis :

− Marganjo, mia povra Marganjo, mia etulino !

Ŝi ĉiam kromnomis ŝin: «mia etulino», same ke la duenaskito ĉiam nomis ŝin: «fratinego».

Oni aŭdis paŝojn en la ŝtuparo. La pordo malfermiĝis. Ĥorknabo ekaperis, sekvata de la maljuna pastro vestita per surpliso. Tuj post kiam ŝi ekvidis lin, la mortiĝantino eksaltante sidiĝis, malfermis la lipojn, balbutis du aŭ tri parolojn, kaj ekgratis siajn ungojn, kiel se ŝi volis trui ilin.

La pastro Simono alproksimiĝis, prenis al ŝi la manon, surfrunte kisis ŝin, kaj per milda voĉo :

− Dio pardonas vin, mia infano; estu kuraĝa, jen la momento alveninta, parolu.

Tiam, Margareta, frostotremante dekape ĝispiede, skuante sian tutan kuŝejon per siaj nervaj movoj, balbutis :

− Sidiĝu, fratinego, aŭskultu.

La pastro kliniĝis al Suzana, ĉiam senkuraĝa piede de la lito, restarigis ŝin, sidigis ŝin en brakseĝon, kaj ekprenante en ĉiu mano la manon de unu el la du fratinoj, li prononcis :

− Sankta Dio mia ! Sendu al ili la forton, ĵetu sur ilin vian mizerikordon.

Kaj Margareta ekparolis. La vortoj eligis el la gorĝo unu post la alia, raŭkaj, skanditaj, kiel ellacigitaj.

* * *

− Pardonu, pardonu, fratinego, pardonu al mi ! Ho ! Se vi scius kiom mi timis tiun momenton, dum mia tuta vivado !...

Suzana plenlarme balbutis :

− Kion pardoni al vi, etulino? Vi ĉion donis al mi, ĉion oferis; vi estas anĝelo…

Sed Margareta interrompis ŝin:

− Silentu, silentu ! Lasu min diri… ne haltigu min… Estas terura… lasu min diri ĉion… ĝis la fino, ne movu… Aŭskultu… Ĉu vi memoras… ĉu vi memoras… Henriko…

Suzana ektremis kaj rigardis sian fratinon. La duenaskita reparolis :

− Endas ke vi aŭdu ĉion por kompreni. Mi aĝis dek du jarojn, nur dek du jarojn, vi ja memoras, ĉu ne? Kaj mi estis dorlotita, mi faris ĉion kion mi volis!... Ĉu vi ja memoras kiom oni dorlotis min?... Aŭskultu… Kiam unuafoje li alvenis, li ŝuis vernisbotojn; li elrajdiĝis el sia ĉevalo antaŭ la perono, kaj li ekskuziĝis pro sia kostumo, sed li alportis novaĵon al paĉjo. Vi memoras pri tio, ĉu ne?... Nenion diru…. Aŭskultu. Kiam mi vidis lin, mi estis tute skuita, tiom mi trovis lin bela, kaj mi restadis staranta en salonangulo dum la tuta tempo ke li parolis. La infanoj estas bizaraj… kaj teruraj… Ho ! Jes… Mi revis pri lin !

« Li revenis… plurfoje… mi rigardis lin per ĉiuj miaj okuloj, per ĉiu mia animo… mi estis granda malgraŭ mia aĝo… kaj multe pli ruza ol oni kredis. Li ofte revenis… Mi nur pensis pri li… Mi mallaŭte prononcis :

« − Henriko… Henriko de Sampier' !

« Poste oni diris ke li tuj edziĝos al vi. Kia aflikto por mi… Ho! fratinego… afliktego… kia afliktego ! Dum tri noktoj mi ne dormis, mi ploris. Ĉiutage, posttagmeze, post la tagmanĝo… vi memoras, ĉu ne ? Nenion diru… aŭskultu. Vi faris al li kukojn, kiujn li tre ŝategis… per faruno, butero kaj lakto… Ho! mi ja scias kiel… Mi farus ankoraŭ ilin se nececus. Li buŝplene glutis ilin, kaj li trinkis glason da vino… kaj li diris : « Estas bongusta. » Ĉu vi memoras kiel li diris tion ?

«Mi estis ĵaluza, ĵaluza!... La geedziĝotago alproksimiĝis. Restis nur du semajnoj. Mi freneziĝis. Mi diris al mi : li ne edziĝos al Suzana, ne, mi ne volas!... Kiam mi estos granda, li edziĝos kun mi. Neniam mi trovos viron kiun mi tiom amus… Sed iun vesperon, dek tagoj antaŭ via edziĝinofesto, vi promenis kun li antaŭ la kastelo, sub la lunhelo… kaj tie for… sub la abio, sub la granda abio… li kisis vin… kisis vin… vi en liaj du brakoj… tiel longtempe… Ĉu vi memoras, ĉu ne? Verŝajne estis unuafoje… jes… Vi estis tiel pala kiam vi reeniris la salonon !

« Mi vidis vin ambaŭ; mi estis tie, en la

masivo. Mi hunde rabiis ! Se vi povus, mi ambaŭ mortigus !

«Mi diris al mi: li ne edziĝos kun Suzana, neniam!» Li edziĝos kun neniu. Mi tro malfeliĉus… Kaj subite mi ekabomenis lin terure.

«Tiam, ĉu vi scias kion mi faris ?... aŭskultu. Mi jam vidis la ĝardeniston preparis buletojn por mortigi la vagajn hundojn. Li pistis botelon per ŝtono, kaj enmetis la pistitan vitron en viandobuleton.

«Mi ekprenis malgrandan apotekan botelon ĉe panjo, mi pistis ĝin per martelo, kaj mi kaŝis la vitron en mian poŝon. Estis brila pulvoro… La posta tago, kiam vi ĵus faris la kuketojn, mi fendis ilin per tranĉilo, kaj mi enmetis la vitron en ilin… Li manĝis tri kuketojn… mi ankaŭ manĝis unu… Mi ĵetis la ses aliajn en la lageton… post tri tagoj la du cignoj mortis… Ĉu vi memoras?... Ho! nenion diru… aŭskultu, aŭskultu… Nur mi ne mortis… sed mi ĉiam estis malsana… aŭskultu… Li mortis… vi ja scias… aŭskultu… tio estas nenio… Estas poste, pli malfrue… ĉiam… la plej terura… aŭskultu…

«Mia vivo, dum mia tuta vivado… kia turmento! Mi diris al mi: mi neniam forlasis mian fratinon. Kaj mi diros al ŝi la tuton, ĵus en la momento kiam mi mortos… Jen. Kaj mi ĉiam pripensis al tiu momento, al tiu momento kiam mi diros al vi la tuton… Tiu momento estas alveninta… Estas terura… Ho!... fratinego!

«Mi ĉiam pensis, matene kaj vespere, tage, nokte: endas ke mi diru tion al ŝi, unufoje… Mi atendis… Kia torturo !... Tio estas farita… Nenion diru… Nun, mi timas… mi timas… Ho! Kiom mi timas! Se mi tuj revidos lin, post momento, kiam mi estos mortinta… Lin revidi… ĉu vi pripensas pri tio?... La unua! Mi ne aŭdacos… Necesas… Mi tuj mortos… Mi volas ke vi pardonu al mi. Mi volas tion… Se ne mi ne povus min prezenti antaŭ li. Ho ! Sinjoro pastro, diru al ŝi ke ŝi pardonu al mi, diru… mi vin petegas. Se ne mi povus morti…

* * *

Ŝi silentis, kaj anheladis, ĉiam gratante la littukon per siaj ungoj kuntiritaj…

Suzana estis kaŝinta sian vizaĝon en siaj manoj, kaj ŝi ne movis. Ŝi pensis pri li, kiun ŝi povus ami tiel longtempe! Kia bona ekzistado ili travivus! Ŝi revidis lin, en la malaperinta estinteco, en la malnova paseo por ĉiam estinĝinta. Karaj mortintoj! Kiom ili korŝiras vin! Ho! Tiu kiso, lia nura kiso! Ŝi enanime konservis ĝin. Kaj poste nenio plue, nenio plue dum ŝia tuta ekzistado!...

Subite, la pastro restariĝis kaj, per laŭta kaj vibranta voĉo, li kriis :

Fraŭlino Suzana, via fratino baldaŭ mortos !

Tiam Suzana, malfermante siajn manojn, montris ŝian vizaĝon plena da larmoj, kaj sin pelante al sia fratino, kisis ŝin per sia tuta forto, balbutante :

– Mi vin pardonas, mi vin pardonas, etulino…

**Noël Lecomte** tradukis

**(Francujo)**

_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_

Eldonas Redakcio de ***Penseo***
Ĉefredaktoro: s-ro Yida Wei (Vejdo)
Adreso: No.-3-2 de la 5-a etaĝdomo
de No. 19, Wujiang St., Jiangbei Distrikto,
Chongqing, 400020, Ĉinio
Tel: (023) 67095890 (hejme)
Retadreso: vejdo@163.com
Ĉiujn kontribuaĵojn al la ĉefredaktoro.
Por legi pasintajn numerojn de Penseo, vin turnu al www.elerno.cn/penlisto.htm aŭ http://gazetejo.org/eo/penseo

◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_